1935

# La Revuo Orienta

JARO XVI N-RO 10 OKTOBRO

エ・ス・ペ・ラ・ン・ト・研・究

JAPANA ESPERANTO-INSTITUTO

KASTELO EN NAGOJA, UNU EL JAPANAJ TIPAJ FEŬDAJ KASTELOJ



La konturo de la urbo Nagoja ………………………… 矢崎富美人 271

Pripensindaĵoj porkongresaj ………………………… J. Major 274

Liberigu Esperanton for de relegikaj elementoj ………………………… 岡本好次 276

Taketori-monogatari (3) ………………………… 五十嵐正巳 277

„ Venĝo " en Japana Mitologio ………………………… 露木清彥 231

Paperkorbo de gramatikulo ………………………… 小坂狷二 283

內地報道 ………………………… 編輯部 285

JARO XVI, N-RO 10 OKTOBRO, 1935

# LA REVUO ORIENTA

## La Konturo de la urbo Nagoja.

H. JAZAKI

NAGOJA, la plej granda industria kaj komerca urbo inter Tokio kaj Osako* (234.6 m de Tokio, kaj 118.6 de Osako), sin trovas sur la frukdona Noobi-ebenaĵo, ĉe Ise-golfo. Kun la loĝantaro de 907,402 (laŭ kalkulo en 1930), ĝi mezuriĝas ĉirkaŭ 10 mejloj de nordo al sudo kaj 8.4 mejloj de oriento al okcidento. La urbo ŝuldas sian prosperon ĉefe al la sufiĉa oportuneco de trafiko, ambaŭ surtera kaj surmara, kaj ankaŭ al la rapida disvolviĝo de diversaj fabrikaj industrioj. La sumo de la ekster-landa komerco tra sia bone ekipita haveno atingis 152,000,000 enojn dum la jaro 1929.



Bulvardo Hirokooĵi

Nagoja fervoja stacio estas ne nur la plej grava inter Tokio kaj Osaka stacioj sur la Tookaido-ĉeflinio, sed plie ĝi estas la fina stacio de Ĉuuoo- kaj Kansaï-linioj. Kaj krom la supre menciitaj ŝtataj fervojaj linioj kelkaj tramlinioj eksterurbaj kaj interurbaj kolektiĝas ĉe la urbo. La urbo Nagoja estas vere la centro de la Mez-Japanujo.

La urbon Nagoja provizas ne nur la moderna komerca kaj industria vigleco sed ankaŭ ĝin ekipas belaj kaj historiaj lokoj.

*Turisma oficejo*: Nagoja-oficejo de Japana Turisma Buroo, ĉe Fervoja turisma oficejo en Macuzakaja (ĉiovendejo), sur la strato Hirokooĵi.

*Hoteloj*: Nagoja-Hotelo, proksime de la ĉefa stacio. Mampei-Hotelo, norde de la kruciĝo Tooŝin-ĉoo.

*Kafejoj*: Daiiĉi Union kaj Akadama ambaŭ sur la strato Hirokooĵi.

*Restoracioj*: Kairaku-tei ĉe Kjoosaj-Building, Seijoo-ken ĉe Komerca Konstruaĵo ktp.

*Veturiloj*: Krom bonaj urbaj tramoj kaj aŭtobusoj estas dungeblaj aŭtofiakroj aŭ ĵinrikŝoj. Veturo per aŭtofiakroj (taksioj) kostas 4 enojn por ĉiu horo, kaj 12 enojn por duontago.



Oosu-kannon, budaisma templo

*Ĉiovendejo*: Macuzakaja.

*La lokaj specialaĵoj*: Porcelanaĵoj, lakitaj komercaĵoj, violonoj, horloĝoj, ventumiloj ktp.



La Oraj Delfenoj sur la tegmento de la kastelo

**Nagoja-Kastelo**: situas en la nordokcidenta parto de la urbo, kaj estas bone konata kiel la plej bela ekzemplo de la japanaj kasteloj en feŭda epoko kaj estas tre fama pro paro da oraj delfenoj sur la tegmento.

Ĝi estis konstruita en 1610 de KATOO-Kijomasa kaj dum Tokugaŭa-epoko TOKUGAŬA-Joŝinao, filo de TOKUGAŬA-Iejasu, la fond'nto de la ŝoguna regado de la familio TOKUGŬA, kaj liaj idoj loĝis tie kiel daimio ĉ. 3 jarcentojn ĝis la Meiĵi-Renovigo (1868). En la kastelĝardeno, etendiĝanta ĉ. 36 akrojn, restas 5-etaĝa kastelo. En ĝi oni vidas ĉambrojn senŝpare ornamitaj kaj dekoritaj per pentraĵoj de lertaj majstroj en malnova tempo. La kastelo kaj ceteraj konstruaĵoj, kiuj longe estis aparta palaco de l' imperiestro, estis donita al la urbo en 1930 kaj la kastelo estas malfermata al la publiko. Enlaso kostas 30 senojn.



Acuta-ĵinguu, sanktejo

**Oosu kannon**: En Monzenĉoo sin trovas tre populara budaisma templo dediĉita al Avalokitesvaro (Kannon), Dio de Kompato. Inter trezoroj de l' templo estas malnovaj sutroj (sanktaj skriboj de Budaismo) kaj dokumentoj. Najbare de la templo sin trovas alia budaisma templo nomata Nanacu-dera, kiu havas multe da belaj budaismaj figuroj kaj malnovaj pentraĵoj.

**Higaŝi-Honganĵi**: la plej granda budaisma templo en la urbo, estis konstruita en 1809. Ĝia interno, 40 metrojn longa kaj 36 metrojn larĝa, dividita en tri partojn, estas belege dekorita per multaj ravaj pentraĵoj.



Curumai-kooen, parko

**Acuta-ĵinguu**: fondita en la dua jarcento, estas alte respektata ŝintoisma sanktejo, laŭ modelo de la Granda Sanktejo en Ise kaj starigita por honoro de Princo Jamatotakeru kaj kvar aliaj.

La glavo Kusanagi-no-curugi, unu el la Tri Sanktaj Trezoroj de la Imperiestro, estas konservata kiel la objekto de respekto. Ĝia festotago estas la 21-a de junio.

**Curumai-kooen**: bela parko, kiu okupas 55 akrojn. Ĝi estis aranĝita laŭ eŭropa modelo. Troviĝas sportejo, infanludejo, zoologia ĝardeno, granda publika halo, biblioteko, artomuzeo, muzikejo kc.

Buntenkaku, konstruaĵo de Momojoma-stilo, staras ĉe la sudorienta angulo.

**Nissenĵi**: sur Kakuoozan-monteto ĉe la orienta parto de la urbo estas dediĉita por la sankta osto de Ŝakamunio, kiun donacis la Imperiestro de Siamo al japanaj budaanoj en 1900. Oni ĝuas belan perspektivon de la monteto.

**Nakamura-kooen**: parko en la okcidenta parto de la urbo. Tie antaŭ kvarcent jaroj TOJOTOMI-Hidejoŝi k KATOO-Kijomasa naskiĝis.

En la parko estas Ĵoosen-ĵi, budaisma templo, kie troviĝas la tombo kaj la kupra statuo de Hidejoŝi. Kaj tie ankaŭ oni trovas la sanktejon Hookoku-ĵinŝa, kiu estas dediĉata al Hidejoŝi. Oni diras ke li naskiĝis ĉe la bambuaro apud la sanktejo.

Mjookoo-ĵi, budaisma templo, estas la loko, kie staris la naskiĝdomo de Kijomasa.

La torijo**, pordego ferbontona, antaŭ la sanktejo Hookoku-ĵinŝa estas la plej granda torijo en Japanujo.

La Urbestrejo

**Nagoja-Haveno**: pro la sablo alportita de la fluo de Rivero Kiso la konstruado de la haveno iom prokrastiĝis, sed nun la 4-a periodo de la laboro finiĝis antaŭ jaroj.

Nun multaj vaporŝipoj japanaj kaj eksterlandaj kiuj transiras oceanojn vizitas ĝin.

**Nakagaŭa-Kanalo**: de la haveno ĝis la fervoja stacio por ŝarĝoj etendiĝas la kanalo.

**Nagoja-Aviadejo**: — Okcidente de la haveno troviĝas la aviadejo, aviada haveno de Nippon Aertrafika Kompanio, ĉiutage dufoje aeroplanoj alvenas.



La Haveno

**Jagoto-jama**: monto oriente de la urbo, kie troviĝas Kooŝoo-ĵi, budaisma templo por Mahavairokano (Dainiĉi-njorai), kvinetaĝa pagodo tiea estas fame konata.

**Ŭago-golfiludejo**: oriente de Jagoto-jama, la plej granda golfiludejo en la Mez-Japanujo. Dimanĉe kaj sabate oni vizitas la ludejon.

---

*) laŭ Scherer'a libro.

**) laŭ Nova Vortaro Jap.-Esp.

# Pripensindaĵoj porkongresaj

Jozefo MAJOR.

La 23-a Japana Esperanto-Kongreso estas okazonta en la tuja estonteco kaj la konturoj de ĝia Laborkunsido akre desegniĝas sur la programo. Temos pri grandsignifa diskuto kiu influos la tutmondan Esperanto-Movadon.

La kerno de la kunsido estos propono kun triobla celo:

1) Starigo de Internacia Stilistiko, 2) Ellaboro de Plena Gramatiko kaj 3) Eldono de Plena Vortarego de nia lingvo.

Kial ĝuste la japana esperantistaro okupiĝas pri tia propono? La respondo estas klara kaj facila: ĉar ĝuste ĝi estas speciale interesata. Efektive, de la fruaj tagoj ĝis la nuna tempo nia lingvo estis tro unuflanke influata de okcidentanoj. La deziro de la tutmonda esperantistaro estas tamen unueca; ĉie oni volas, ke nia lingvo estu tutmonda kaj universala: deziro kaj fakto estas tamen du diversaj aferoj. Ne sufiĉas esprimi piajn dezirojn pri la tutmonda karaktero de Esperanto. Oni devas labori grandskale kaj *tutmonde*, ke ĝi vere fariĝu tia. Unuvorte, la orientaj samideanoj devas partopreni multe pli aktive ol ĝis nun en la lingva fako de nia movado kaj iliaj opinioj devas esti atente aŭskultataj. Mi estas konvinkita, ke ambaŭ okcidentanoj kaj orientanoj konsentos pri tiu ĉi punkto.

La preciza teksto de la proponota deziresprimo de la kongreso ne estas al mi konata en tiu ĉi horo. Ĝin studos kaj diskutos la kongresanoj. Tie ĉi mi povas nur mallonge mencii pri la 3 punktoj de la propono mem.

1) *Stilistiko*: Oni diros, ke "stilistiko" estas *neologismo* ĉar ĝi ne troviĝas en la vortaroj. Neniu diros tamen, ke tia neologismo estas senutila. Ni havas "poetikon" kvankam poezio estas kvazaŭ lukso kaj prozo ĉiutaga necesaĵo por ĉiuj

La Kongreso en Nagoya proponos, ke la kompetentaj institucioj de nia Movado, kun helpo de la fakaj aŭtoritatuloj diversnaciaj, eldonu Internacian Stilistikon. La esprimo estos nove por kelkaj samideanoj, necesas do precizigi, ke temas pri moderna Krestomatio aŭ Antologio kun detalaj konsiloj pri bona stilo.

Oni ne devas pensi, ke ni celas pri arbitra kaj severa regularo. Kompreneble, stiloj ekzistas diversspecaj (D-ro L. L. Zamenhof havis stilon malsaman al tiu de D-ro E. Privat sed ambaŭ estas bonegaj) kaj ankaŭ la diversaj prozoj *bezonas* malsamajn stilojn (parolado havas oratoran stilon, disertacio sciencan kaj fabelo al infanoj naive simplan stilon). Unu fakto estas tamen certa pri stilo: ekzistas bona kaj ekzistas malbona stilo. La lasta speco estas bedaŭrinde tro ofte legata en libroj kaj gazetoj, jam ne parolante pri la milionoj de privataj leteroj interŝanĝataj de la tutmonda esperantistaro. Ĉu oni kulpigu la komencantojn kiam eĉ spertaj samideanoj ne scias la regulojn de la esperanta stilistiko pro manko de la necesa libro? La celo de la unua punkto de nia propono estas ĝuste forigi tiun mankon ĝenerale sentatan.

2) *Gramatiko*: Kompreneble ni havas nian Fundamenton, kiu estas sankta al ĉiu esperantisto kaj kiun tuŝi neniu kuraĝus. Bedaŭrinde, mankas ĝis nun pli detala komentario de la Fundamento. Nia majstro Zamenhof respondis diversajn lingvajn demandojn sed restas ankoraŭ multaj punktoj neresponditajn de li. En ĉiuj landoj de la mondo aperadas lernolibroj de la Internacia Lingvo sed oni vane serĉus la centran fonton el kiu la reguloj tie klarigitaj (krom la ĉefreguloj de la Fundamento) troviĝas. Privataj homoj havas siajn opiniojn pri lingvaj demandoj sed kiom ajn saĝaj kaj lertaj ili estu, iliaj opinioj restas opinioj privataj, sekve diskuteblaj. Lingvo kiu estas tutmonda posedaĵo de la tuta homaro ne povas tamen baziĝi al tiaj privataj opinioj, kiuj ofte kontraŭdiras sin reciproke. Ni do bezonas Detalan Gramatikon de nia lingvo kiu estu la kolektiva laboro de ĉiunaciaj kompetentuloj. Estas tasko de la Akademio, Lingva Komitato kaj nia Centra Organizaĵo zorgi pri la ellaboro kaj aperigo de tia utila libro.

3) *Vortaro*: Jam ni havas la Plenan Vortaron, kies dua eldono estas vere bona. Oni ne povas tamen diri, ke ĝi estas perfekta. Same kiel la dua eldono reprezentas progreson rilate al la unua, la tria eldono estos sendube ankoraŭ multe pli bona ol la dua. Ĉu ne estus eble interkonsenti kun la eldonejo de la Plena Vortaro kaj aranĝi, ke la 3-a eldono estu oficiala?

Kompreneble, eldono de Plena Vortarego de Esperanto estas granda laboro. Tamen, se ni prenas kiel bazon la Plenan Vortaron, la laboro jam estas limigita. Kiam la nuna eldono elĉerpiĝos, la nova manuskripto eble estos preta. Harmonie ĉiuj kunlaboru kaj konstruu NIAN universalan vortaron.

Estas memkomprenebla afero, ke ĉiu lingvo devas havi sian vortaron kaj Internacia lingvo ne povas plenumi sian rolon sen ĝi. Tia vortaro ne povas tamen esti privata eldonaĵo; ĝi devas havi aŭtoritaton kaj esti tiel proksima al perfekteco kiel estas ebla per homa saĝo kaj diligento. La Kongreso en Nagoya esperas, ke tia afero apartenas al la eblecoj de la nuna generacio. La pioniroj kreis la bazon de nia lingvo, ni havas la taskon elkonstrui belan monu menton sur tiu bazo, kiu estas la Fundamento.

Nun kiam mi rapide menciis, pri la 3 punktoj de la kongresa propono, stariĝas la demando, kial mi, fremda esperantisto prenas sur min la taskon ĝin klarigi. Mi certigas miajn japanajn kaj alinacianajn samideanojn, ke ekzistas nenia kaŝita motivo. Jam de pli ol 10 jaroj mi observas nian movadon kaj la ĉirkonstancoj de mia vivo devigis min vojaĝi tra landoj kaj eĉ kontinentoj. Ĉie mi interrilatiĝis kun la samideanoj kaj observis ilian parolon, skribon k t p. Ĉie mi konstatis mankon de Stilistiko, Gramatiko kaj Vortaro, en la supra senco. Tamen, en Japanujo la manko estas... mankego. Malproksimaj en la Fora Oriento, la japanaj samideanoj preskaŭ neniam havas la okazon interrilatiĝi persone kun fremdaj samideanoj. Kvankam Japanujo ege progresis en ĉiuj aferoj dum la lastaj jardekoj, la vivmaniero ankoraŭ multe diferencas de la okcidenta tiel ke la lingvo estas ĉiamaniere malfacila. Kompreneble, naciaj lingvoj estas ankoraŭ multe pli malfacilaj por japanoj ol Esperanto, la fakto restas tamen nediskutebla, ke ankaŭ nia lingvo estas 2 aŭ 3 foje pli malfacila por japanoj ol por eŭropanoj. Se ni nur

havus precizajn reguloln ellerneblajn, la japanaj samideanoj — kies diligenteco estas ĝenerale konata — kun plezuro ellernus ĉiujn sekretojn de gramatiko kaj stilo. Se tamen anstataŭ reguloj oni resendas ilin al tiu mistera kaj nedifinebla "natura sento", ili estas kondamnita per tio al ĉiama dua-rangeco en la uzo de nia lingvo. Efektive, "lingvosento" estas laŭmoda esprimo kiu ofte estas false komprenata ankaŭ en Eŭropo. Okcidentaj samideanoj iom tro fidas al sia natura kapableco kaj iom da serioza studo certe ne malutilos ankaŭ al ili, kiam la 3 verkoj supre menciitaj estos pretaj...

La Kongreso en Nagoya diskutos do tian proponon. Multaj kapoj havas multajn ideojn kaj mi ne dubas, ke la diskuto mem estos tre interesa kaj utila. Eĉ se la propono estus reĵetata, estus utila fakto. Tio montrus, ke la japanaj samideanoj estas plene kontentaj pri la nuna stato de nia lingvo kaj miaj timoj estus ne-motivitaj. En tiu okazo eble mi konsiderus aliĝi al la neologismemuloj, ĉar por mi *persone* la tuta afero estas ne tiel grava. Mi nur skribas pro la bono de la orientaj amikoj, t. e. en la intereso de nia lingvo, kiun la Majstro donacis *al la tuta homaro*, ne al iu speciala raso aŭ kontinento. Nur en la mezuro en kiu iu partoprenas en la Universala lia vivo havas valoron... Mi deziras plenan sukceson al la 23-a Japana Esperanto-Kongreso sub la ĵusa devizo!

# Liberigu Esperanton for de nelogikaj elementoj

J. Okamoto

Koncerne la proponon al la laborkunsido de la proksimiĝanta Kongreso en Nagojo, prezentita ĉefe de S-ro Major, mi ne volas ĉi tie skribi multe pri miaj opinioj, ke la propono estas principe bona sed ke por efektivigi ĝin ni renkontus tro multe da malfacilaĵoj, kaj tial la realigo estos malfacila. Sed nur profitante ĉi tiun okazon, mi volas publikigi mian opinion, kiamaniere kaj kun kiaj principoj la verkoj publikigotaj laŭ la propono, se ĝi estos akceptita de la esperanta publiko, devos esti verkataj.

Kiam la propono realiĝos, ni devas ĝoji pro la apero de bonaj verkoj oficialaj, kiuj montras al ni la direkton de nia praktiko de la lingvo, sed mi tre timas, ĉu la verkoj ne multe katenos nin, orientanojn, ĉar ĝis nun mi vidis la fakton, ke ju pli ampleksa verko pri Esp. gramatiko kaj similaj aperis, des pli multe da katenoj aperis, kiuj pli multe ĝenas oriantanojn ol okcidentanojn.

Esperanto estas arte farita lingvo konstruita sur la bazo de pura logiko. Kaj la artefariteco estas la sola forta kaj bona flanko de Esperanto, sen kiu ĝi ne povas fiere sin nomi lingvo inter ĉiuj nacioj en la tuta mondo. Sed iuj samideanoj, precipe iuj verkistoj, en Okcidento enkondukas nelogikajn lingvajn elementojn en nian lingvon, kiuj estas kaj devas esti la propraĵoj de nur la naturaj lingvaj de ili parolataj ĉiutage.

Orientaj verkistoj ofte uzas erarante nelogikajn esprimojn, sed okcidentaj konscie kripligas nian lingvon per mallogikaĵoj.

En tiu ĉi okazo mi esperas ke okcidentaj verkistoj ankaŭ ĉiam gardu la logikecon de nia lingvo kaj kune laboru kun orientanoj por finkonstrui nian logikan lingvon, ĉiam forigante nelogikajn elementojn.

# TAKETORI-MONOGATARI

(3)

Aŭtoro nekonata
Eljapanigis Masami IGARAŜI

## IV. Branĉo kun juveloj en Hoorai.

Ankaŭ Princo Kuramoĉi estis ruzema, li sciigis al la mondo, ke li iros al la lando Cukuŝi por bano, dum al Kaguja-hime li anoncis: — „Mi nun ekveturas por preni la juvelbranĉon." Kaj li ekvojaĝis al Naniŭa[13] kun la servantoj, sed li asertis, ke li preferas vojaĝi senceremonie, kaj tial lin akompanis ne multaj, kiuj servadas apud sia mastro, kaj ceteraj iris returne post la enŝipiĝo de la princo.

Tiel la princo ŝajnigis sian forestadon al aliaj kaj reveturis hejmen post tri tagoj.

Ĉar la plano decidiĝis jam antaŭe, ses homoj inkluzive Uĉimaro, la tiama plej notinda metiisto, estis venigitaj kaj ili loĝis en domo aparta de aliaj kaj ĉirkaŭita kun triobla barilo, kaj tie retiriĝis ankaŭ la princo. Li provizis al la metiistoj posedaĵojn alportitajn el siaj bienoj entute dekses, kaj estis artefarita branĉo kun juveloj tute tia, kian deziris Kaguja-hime.

Tiel lerte la princo projektis, kaj portante la branĉon kun si ekiris sekrete al Naniŭa. „Mi ĵus elŝipiĝis", sciigis li al sia palaco kaj atendis la servantojn ŝajne kun tre laca mieno. Multaj venis por renkonti lin, kaj la branĉo estis metita en longa kofro, kiu kaŝiĝis per kovraĵo, kaj alportata. Sed oni iel sciiĝis pri lia reveno kaj disvastiĝis famo tra la stratoj:

„Princo Kuramoĉi venis en la metropolon, portante kun si udonge[14] en florado".

Kiam la onidiro atingis al Kaguja-hime, ŝi diris al si mem, ke ŝi devus obei al la princo; kaj ŝi sentis forte korŝiron. Dumtempe oni frapis la pordon kaj anoncis:

„Jen vizitas Lia Princa Moŝto Kuramoĉi!"

Kaj oni daŭrigis:

„Li vizitas ankoraŭ en la vojaĝkostumo."

Tial li estis akceptita.

La princo diris:

„Riskinte mian vivon mi alportis la branĉon, bonvole prezentu ĝin al Kaguja-hime".

La maljunulo internen portis la branĉon, al kiu estis ligita letero kun jena verso:

Se neniiĝus
Eĉ mia vivo vane
Por serĉe peni;
Sen branĉo kun juveloj
Ne volus mi reveni.

---

13) Naniŭa: tiama havenurbo, nuna Osaka.
14) Udonge: sanskrite, Udumbara; oni kredis, ke ĉi tiu arbo floras nur unu fojon en tri jarmiloj.

Sed la fraŭlino rigardis la branĉon kaj estis malĝoja, la maljunulo venis rapide al ŝi, dirante:

„Ĝi estas la vera branĉo, kiun vi deziris al la princo porti vin de Hoorai, kaj li plenumis vian postulon. Pri kio ni povus riproĉi lin plu? Ankoraŭ en la vojaĝkostumo kaj ankoraŭ survoje al sia palaco li rapidis al ni. Nu, vi decidu edziniĝi al la princo".

La fraŭlino, tamen, respondis nenion kaj meditadis tre malĝoje, apogante la vangojn al siaj brakoj. Dume, la princo jam sin ŝovis sur la verandon, pensante:

„Nun nenio povas malhelpi la decidon"

Kaj ankaŭ la maljunulo opiniis tion prava, kaj diris al ŝi:

„Similan al ĉi tiu branĉo kun juveloj oni ne povas trovi en nia lando. Kiel vi povas rifuzi la proponon de la princo, kiu estas bona kaj gracia?"

Sed la fraŭlino respondis:

„Ĉar mi nur preferas ne kontraŭstari al vi, patro, mi deziris al la princo alporti la neakireblaĵon, tamen kiel facile li gajnis ĝin; tio kaŭzis ĉe mi malĝojon."

Sed la maljunulo ankoraŭ ne ĉesis ordigi la ĉambron ktp., kaj iom poste li iris al la princo kaj alparolis lin:

„Kie troviĝis la arbo? Kiel mirinda, bela kaj valora ĉi tiu branĉo estas!"

La princo respondis jene:

„Antaŭ du jaroj, la dekan de la dua monato (*kisaragi*), ni enŝipiĝis ĉe Naniŭa kaj ekveturis en la maron, ne sciante kien ni veturu; sed mi pensis, por kio mi postvivus, se mia intenco malsukcesus; tial ni lasis nian ŝipon nur naĝvagi en vento. Se ni mortus, ĉio finiĝus; se ni ankoraŭ vivus, ni naĝvagus ĝis ni atingus al monto Hoorai— tiel pensante ni remis kaj remis pli malproksimen de la marbordo de nia lando. Kaj kiam ni vagadis tiamaniere, foje la maro tre furiozis kvazaŭ ĝi forportus nin ĝis la fundo, foje blovite de la ventego ni albordiĝis al stranga lando, kie vivaĵoj kiel demonoj aperis antaŭ ni kaj provis mortigi nin. Foje nesciante, de kie ni venis kaj kien ni povos iri, ni estis preskaŭ englutotaj de la maro; foje pro manko de manĝaĵoj ni devis preni radikojn de herbo; foje neesprimeble teruraj monstroj venis al ni kaj volis formanĝi nin, kaj foje ni tenadis miajn vivojn manĝante konkojn en la maro. Sub strangaj ĉieloj ni estis kaj neniu homo al ni donis helpon; multaj malsanoj sinsekve atakis nin, kaj eĉ direkton ni forgesis. Ni lasis nian ŝipon naĝvagi sur la oceano dum kvincent tagoj. Ĉirkaŭ la horo de Drako, nome la oka horo antaŭtagmeze, ekvidiĝis monto malproksime en la maro. Ni alproksimigis la ŝipon pli kaj rigardis ĝin. La monto staranta sur la maro estis tre granda, kaj ankaŭ estis alta kaj belforma. Sendube ĝi estas la monto, kiun ni serĉadis, ni kredis, sed ni sentis timon kaj nur remadis ĉirkaŭ la monto dum du-tri tagoj por observi, tiam ni vidis virinon ornamantan kiel anĝelino, kiu venis de la monto por ĉerpi akvon per vazo el arĝento. Tial ni surlandiĝis kaj alproksimiĝis ŝin, dirante:

‚Kiel oni nomas ĉi tiun monton?'

‚Monto Hoorai', ŝi respondis, kio nin ĝojigis treege.

‚Kiu estas vi, kiu parolas al ni?‘ Ni demandis.

‚Mi estis Hookanruri‘, ŝi respondis kaj subite malaperis en la monton. Esplorinte la monton, ni vidis, ke neniu povas supreniri la deklivon, tiel kruta ĝi estis, kaj ni paŝadis ĉirkaŭ la piedo de la krutaĵo; jen troviĝis arboj kun floroj, kiuj estas neniam troveblaj en nia mondo. Tie ni trovis ankaŭ fluon, kies akvo havis kolorojn oran, arĝentan kaj lazuran; trans la fluo kuŝis pontoj el diversaj gemoj, kaj apude staris arboj lumbrilantaj. De unu el ĉi tiuj arboj ni deŝiris branĉon, kiu, kvankam ne bona, estas nun oferita al la fraŭlino, ĉar ŝajnis, ke ĝi estas tia, kia ŝi deziris.

Tre ĉarma estis la monto kaj nenio alia en la mondo estis komparebla kun ĝi. Sed post gajno de la branĉo mi jam ne povis resti plu tie, kaj ni ree enŝipiĝis kaj dank' al facila vento ni venis al Naniŭa post pli ol kvarcent tagoj. Eble nin benis Dio, hieraŭ ni revenis en la metropolon. Kaj ankoraŭ ne ŝanĝante la kostumon malsekigita de salakvo, mi rapidis ĉi tien.“

La maljunulo, tre kortuŝita de la rakonto, faris verson:

Bambuojn hakis
Kaj hakis mi konstante
En montarbaroj.
Sed ĉu mi penis tiom,
Kiom vi en la jaroj?

La princo aŭdis tion kaj diris:

„Nun kvietiĝis mia koro, kiu batadis maltrankvile pro sufero dum multaj tagoj“. Kaj li respondis jene:

Hodiaŭ ree
Sekiĝis la manikoj
De la kostumo.
Suferojn mi forgesos
De nun pro la plenumo.

Tiam venis ses viroj en la korton unu post alia, unu el ili portis leteron en la kesto kaj diris:

„Mi, ĉefo de la metiistoj en la Oficejo por Fabrikado, Ajabe-no-Uĉimaro, humile parolas, ke mi kaj miaj kolegoj ne ŝparis klopodon kaj elspezis la tutan forton por fabriki la branĉon kun juveloj dum pli ol mil tagoj. Malgraŭ tio ni ankoraŭ ne ricevis honorarion rekompence, tial ni petas la pagon, por ke ni povu nutri la familianojn“.

Kaj li prezentis la leteron. La maljunulo klinante sian kapon miris, kiam li aŭdis la vortojn de la metiisto, dum la princo sentis sin kvazaŭ frapita de fulmo kaj restis preskaŭ senkonscia. Kaj Kaguja-hime, aŭdinte tion, ordonis alporti la leteron al ŝi, kaj malfermis ĝin, en kiu estis skribite jene: —

„La Princa Moŝto sin kaŝis dum pli ol mil tagoj kun ni, malaltrangaj metiistoj,

kune en sama loko. Li ordonis fari bonan kaj belan branĉon kun juveloj kaj promesis al mi doni eĉ rangon. Lastatempe ni eksciis, ke la branĉo estas postulita de Kaguja-hime, kiu fariĝos la princedzino; tial ni preferas ricevi la honorarion de ŝi kaj venis al ĉi tiu domo."

Kiam Kaguja-hime legis ĉi tiujn frazojn, al ŝi revenis ĝojo en la koron, kie regis profunda malĝojo, kaj ŝi alvokis la maljunulon kaj diris:

„Mi ja kredis ĝin la vera branĉo el Hoorai. Ha, li trompis min tiel lerte! Nu, tuj redonu ĝin al li."

„La branĉo estas klare artefarita, tiam ni ne bezonas heziti la redonon", li kapjesis.

La fraŭlino, kies koro jam liberiĝis de malĝojo, sendis jenan verson kun la branĉo:

Pro la rakonto
La branĉon kun juveloj
Mi kredis vera.
Fi, falsan per parolo
Ornamis vi fiera!

La maljuna bambuaĵisto rememoris la mensogon, per kiu la princo trompis ankaŭ lin, kaj ŝajnigis sin dormanta. Dume, la princo ankoraŭ restis tie, duone staranta kaj duone sidanta, kaj kiam vesperiĝis, li fine forŝovis sin eksteren.

Kaguja-hime alvokis la metiistojn, kiu kaŭzis ĉi tiun rezultaton, kaj laŭdis ilin, donante al ili multe da mono; tial ili ĝojis treege, dirante: „Trafis supozo!" Tamen, survoje al sia hejmo ili estis punitaj de la ordono de Princo Kuramoĉi; sango ellasiĝis kaj iliaj posedaĵoj ĉiuj estis rabitaj, tial ili forkuris kaj malaperis.

Sed la princo pripensis:

„Ĉio tio ĉi estus la plej granda el la hontoj, kiujn mi spertis en mia tuta vivo, ĉar mi ne nur malsukcesis peti la manon de la fraŭlino, sed mi ankaŭ timas, ke min riproĉos pri tio homoj en la mondo."

Kaj li sola sin kaŝis malproksimen en montoj. La oficistoj kaj servantoj en tiu palaco ĉiuj serĉadis lin, sed neniu trovis la princon, kiu kredeble jam mortis.

Ĉar la princo kaŝis sin pro tio, ke la donaco ne estis akceptita de ŝi, de tiam oni ekuzis la esprimon „tamasakaru".[15]

---

15) „Tama-sakaru" japane signifas „malaperi kun juveloj" kaj ankaŭ „foriras animo" (t. e. „morti") La aŭtoro vortludis burleske konvene al la du sencoj de la vorto „tama" (*juvelo* kaj *animo*).

# „Venĝo" en Japana Mitologio.

〔日本神話に於ける復讐型説話〕

Kijo CUJUKI.

La mito ĝisfine estas mito, kaj ĝi ne estas priskribo de efektiva historio, sed „kruda elemento" en la mito respegulas la morojn kaj sistemojn de pasinta socio; la mito en certa senco reprezentas plej malŝpare, kvankam malkare, la tempon neskribitan. Laŭ tiu ĉi vidpunkto la mito estas utila faktoro por kunigi apartajn materialojn ĉe reduktiĝo de historia fakto.

Laŭ la japana mitologio, la du princidoj de la ĉiela princo Ninigo bone kreskis; la pli aĝa Hoderi havis la maran apanaĝon, kaj la malpli aĝa Hoori havis la montan. Estas supozeble, ke ili ofte klopodis inter si por akiri la tronon de la patro. La mitologio raportas jenan rakonton kun interesa ornamo:

« Do, la princo Hoderi posedis siajn feliĉojn sur la maro, kaj kaptis aĵojn de vasta naĝilo kaj aĵojn de malvasta. Lia frateto la princo Hoori posedis siajn feliĉojn sur la montoj, kaj kaptis aĵojn de kruda haro kaj aĵojn de vila. Iun tagon, la frateto diris al sia pli aĝa Hoderi; — „Ni interŝanĝu kaj uzu nian feliĉon unu la alian, mi petas." Kvankam trifoje li petis al sia frato, lian proponon tamen la frato ne konsentis, sed fine la reciproka interŝanĝo estis obtenita. Do, la princo Hoori entreprenis fiŝi sur la maro, sed neniom akiris eĉ fiŝeton; krome li perdis la fiŝhokon en la maron. Tiam lia frato Hoderi petis lin por la hoko kaj diris; — „Monta feliĉo estas feliĉo de sia propra. Nun redonu la nian unu la alian." Je tio, la juna frato Hoori respondis; — „Pri via fiŝhoko, mi neniom akiris eĉ unu fiŝeton, kaj fine mi perdis ĝin en la maron." Sed lia frato riproĉe postulis ĝin de li. La juna frato rompis sian glavon, el kiu li faris kvincent hokojn kiel kompensaĵon; sed li ne volis preni ilin. Denove li faris mil hokojn kiel kompensaĵon; sed li ne volis ricevi ilin, diris; — „Mi tamen bezonas la veran originalan fiŝhokon." »

Tiu ĉi rakonto pri la interŝanĝo ne estas japana propra mito, Indonezioj ankaŭ posedas tian; ni tamen povas supozi, ke ĝi respegulas la moron, ke oni interŝanĝis profiton en la antikva tempo. Almenaŭ la sovaĝa elemento en tiu ĉi mito montras al ni tra la fabla vualo jenan fakton en la socia moro. a) Certa homo aŭ familio havis sian propran laboron. b) Kiam la laboro estis ne konvena, oni povis interŝanĝi sian laboron kun la alia. c) Kiam la laboro ne estis kontentiga pro interŝanĝo, oni povis proponi ree interŝanĝi la laboron. d) Por la domaĝo dum la interŝanĝo oni devis kompensi.[1]

La japana mitologio daŭras jene: La juna frato tre turmentiĝis: tiam aperis la dio Salo,[2] kaj intruas la vojon al la mara palaco. Li veturis la maron per bambua korbo kaj atingis la palacon de Mardio. Tie li edzinigis filinon de Mardio. Tri jarojn ili

1) Ŝ. Niŝimura: „Japana Antikva Socio." 2) *Ŝio-cuĉi-no-kami*

kunvivis pace. Iun nokton li profunde ĝemis. La filino de Mardio, lia edzino suspekte tion raportis al la patro. Li ĉion detale konfesis kaj petis helpon de la bopatro. La Mardio kunvokis ĉiujn fiŝojn kaj esploris la hokon, kaj trovis ĝin el la gorĝo de la ruĝa pagro, (komune al ĉi-speca legendo, iu, kiu alvenis plej lasta, posedas la perditan.) La princo Hoori, kiu akiris la hokon ankaŭ ricevis la alfluan gemon kaj la defluan gemon, per kiuj oni povas turmenti la fraton, revenis surteren kaj repagis la fraton. (Tiu ĉi tradicio ankaŭ apartenas al „Sukceso de Junulo" kaj „Restado en Felando.")

Ni trovas similajn tradiciojn en Suda Pacifiko, ĉi tie mi simple citas unu el ili; La rakonto en Minahassa de la insulo Selebeso:

Kavulsan de Pasambangko volis fiŝadi en la maro, sed li ne posedis fiŝhokon; li prunteprenis la hokon de sia amiko. Li iris la maron kaj ekfiŝis sur boato. Baldaŭ fiŝo alkroĉiĝis je la hoko. Tamen la fadeno rompiĝis dum li altiris la fiŝon, kaj perdis la hokon kune kun la fiŝo. Li reiris hejmen kun malĝojo en la koro, kaj detalon rakontis al la amiko. Lia amiko riproĉis lin pro la perdita hoko, kaj kolere diris; — „Eĉ se vi kompensos per dek hokoj la perditan, mi ne akceptos ilin." Kavulsan ree iris la maron por serĉi la perditan hokon. Kaj tie, kie li perdis la hokon, li sin ĵetis en la maron. Li tuj trovis vojon en la maro. Laŭlonge de la vojo li iris antaŭen, kaj trafis unu vilaĝon. Li aŭdis de unu domo de la vilaĝo malĝojan bruon. Oni oferas al virgulino la viktimon de porko. La virgulino suferas de fiŝosto, kiu enpikiĝis sur ŝia gorĝo. En la domo, Kavulsan trovis, ke lia fiŝhoko sidas en ŝia gorĝo. Li diris al ŝiaj gepatroj; — „Nenio gravas, mi kuracos ŝin, kaj baldaŭ ŝi resaniĝos." Do, li ĉiujn forigis de la domo kaj restis sola nur kun la virgulino. Zorge li forprenis la hokon de ŝia gorĝo kaj kaŝis ĝin en sian veston. Kavulsan revenas kun donacoj de la gepatroj. Tamen, kiam li venis la lokon, de kie li plunĝis en la maron, lia boato ne troviĝis tie. Li tre malĝojis pro tiu ĉi nova malfeliĉo; tiam granda fiŝo venis al li. Li petis al ĝi, ke li donos la nomon Pongkor Sumesengkat, se ĝi sukcese kunportos lin al la bordo. Lia peto estis akceptita, kaj li lokis sin sur la dorson de la fiŝo. Ĝi fulmetondre flugis en la maro. En sia hejmlando li turmentis sian amikon, kiu antaŭe riproĉis lin, dirante; — „La folion de bananarbo kiun oni deŝiris por pluvoŝirmilo ankoraŭfoje almetu al la arbo, kiu apartenas al mi," kaj helpe de multaj dioj li faris pluvegon kaj turmentis, torturis kaj sukcesis venĝi sin al li.[3)]

Krome, la tradicio pri Parpara kaj Hian[4)] en la insulo Kei estas ankaŭ interesa por komparesplori la japanan, tamen simple mi rapidas mian konkludon. La prototipo de la japana mitologio supre dirita ankaŭ estus jena: 1) La viro prunteprenas fiŝilon de alia persono. 2) Li perdas ĝin dum fiŝado. 3) La pruntedonanto riproĉas lin. 4) Li iras por serĉi la hokon. 5) Li trovas vunditan fiŝon, kiun li mem vundis, (En alia mondo fiŝoj — aŭ aliaj bestoj — ankaŭ vivas samkiel homoj.) kaj resanigas ĝin. (Ordinare ĝi estas filino de Potenculo en tiu ĉi mondo.) 6) Li edzinigas ŝin. 7) Per la helpo de Potenculo li povas repagi la riproĉinton.

3) Leo Frobenius: „Das Zeitalter des Sonnengottes." 4) Dixon: „Oceanic."

# EL PAPERKORBO
## DE GRAMATIKULO

( 7 )

K. Ossaka

### XXI 單數か複數か

……日本語としての觀念の相違から單，複數の使用が誤まられることが時に生ずる。例へば，『口』は一つ故單數形 la buŝo,『唇』は上下あるから複數形 la lipoj... は日本人の誰にも明白だが，然らば鳥の『嘴』beko は？……是は人間の buŝo に當るもので單數形 **la beko**.

『外國』と云へば澤山の國があるわけだが，**eksterlando** は自國の『國外』(全般）を指すのであるから單數形で用ひられる。

Kaj la grandaj cignoj ĉirkaŭnaĝis ĝin kaj karesis ĝin per sia *beko.* (FII 41/30)

La knabo frapis la birdon sur la *bekon.* (FI 89/4)

Super la harpo de la Islanda kantisto glitadis la ruĝa sonora *beko* de la birdo. (FIII 12/20)

Longe ankaŭ ol finiĝos via trijara restado en la medicinaj lernejoj de l' *eksterlando,* vi nin forgesos. (BV 22/7)

勿論 fremdaj landoj, aliaj landoj (よその國々）とすれば複數になし得る。

### XX V. Pli ol unu.

„La plej bona maniero kompreneble estus, se ni al **pli-ol-unu** *personoj* dirus „vi" kaj al unu persono ĉiam „ci"; sed... (LR 50/5)"

Post „pli ol unu" oni uzas tute logike vorton multenombran, sed ĉi tiu venas eĉ tuj post la numeralo „unu", ĉar ',pli-ol-unu" ĉi tie prezentiĝas per la tuto kvazaŭ unu adjektivo (=kelkaj)...

### XXV. Pronomo por kolektivo.

...Laŭ la gramatika logiko oni devas uzi por kolektiva substantivo ununombra la pronomon „ĝi", ĉar la vorto estas en ununombra formo:

Hieraŭ la **ŝipanaro** arogante sciigis, ke *ĝi* ne volas iri plu. (FK 92/8)

**Ŝipanaron** oni ne vidas: *ĝi* jam longe dormas. (FK 92/8)

Jen la **publiko** aplaŭdis tro multe, jen *ĝi* aplaŭdis tro malmulte. (FIII 41/11)

Sed tio estas mensogo, simpla mensogo, kiun la **mondo** ne komprenas nur pro tio, ke la ĝemado de la terore silentigitaj prematoj ne venos al *ĝiaj* oreloj. (OV 335 2)

**Ĉasistaro** galope alproksimiĝadis. *Ĝi* alproksimiĝadis tiel rapide, ke la knabineto devis vigle salti sur unu el la grandaj ŝtonoj apud la pondo. (FIII 44/1)

Ni ne povas iri al tiu **popolo**, ĉar *ĝi* estas pli forta. (Nm XIII-31)

Jen la **popolo** de la Izraelidoj estas pli multenombra kaj pli forta ol ni; ni uzu do ruzon kontraŭ *ĝi* (El 1/15)

Eĉ la premo de ia granda potenco nun jam ne povus deklini la **esperantistaron** de *ĝia* klara kaj rekta vojo (OV 38/85)

Sed en la praktiko, kiam ni pensas individue la konsistigantajn membrojn de la aero, ni povas ankaŭ tute prave uzi la multenombran pronomon „ili":

La metiejo apartenis al maljuda estiminda geedza **paro**. Baldaŭ *ili* (=la geedza paro =geedzoj) ekamis la silenteman submajstron. (FIII 64/-7; ankaŭ vd. FIII 29/14).

Kaj la **popolo** staris ekstere sur la strato kaj demandis, kia estas la stato de *ilia* (=de la popolo=de la regnanoj) landestro (FII 301/1).

Kaj en la daŭro de la batalo mi transiris sur la ŝipon de la **korsaro**, en tiu

